# "BOLETIN" BULTENO DE HISPANA ESPERANTO - FEDERACIO

Centra Oficejo: c/Rodriguez de San Pedro,13.-3º,P-7.-28015-MADRID.-
......

Prezidanto:
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780-SANTIAGO DE COMPOSTELA
......
Sekretario:
Manuel López Hernández
Apartado 369
E-41080-SEVILLA (Hispanio)
......
Vicprezidanto:
Alberto Franco Ramirez
......
Vicsekretario:
Luis Gil Pérez
......
Kasisto:
Fco.José Nieves Pavón
Pagojn sendu al: H.E.F.
Poŝtkonto nº 14.011.966
Av.República Argentina, 29
E-41011-SEVILLA (Hispanio)
......
Libro-Servo de HEF:
Luis Hernández Garcia
Apartado 119
47080-VALLADOLID.(Hispanio)
......
"Fundacio Esperanto de HEF"
Sekretariino: Inés Gastón
Pº de la Constitución,35.-4º
50001-ZARAGOZA (Hispanio)
......
"Esperanto Fundacio F.Soler"
Direktoro: Juan Fontecha
Duque de Calabria, 4.-2º
E-46005-VALENCIA (Hispanio)
......
-Junulara Sekcio (HEJS)
Prezidanto: Jordi Ferré
Apartado 23484
E-08028-BARCELONA (Hispanio)

Ĉef-Redaktoro:
Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe,27/29.9ª C
E-50002-ZARAGOZA (Hispanio)
***
Redaktoroj kaj kunlaborantoj:
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martin
Vicente Hernández Llusera
Andrés Martin González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz

---

Enhavo:

Ĉe la sojlo de nova etapo.....3/4 p.
1990 Eúropa Jaro pri Turismo...5/6"
Viglas la Movado.............. 7"
Forpasis R.Fiol Paredes........ 8"
Jen imitinda ekzemplo.........9/10"
La 50ª Hispana E-Kongreso..... 11"
Ekspozicio pri Velázquez...... 12"
Opinio pri la verko "E.P."...13/14"
Deziras korespondadi........... 15"
Normoj de Redakcia Politiko 16/18"
Enketo pri kongresoj.........19/20"
Belaĵoj el Hispanio........... 21"
Libro-Servo de HEF............. 22"
Lirikaj Paĝoj: Balado.......... 23"
Gerardo Diego:"Nokturno"....... 24"
Kasido pri la branĉoj:Lorca.... 25"

---

Kovrilo: Ekspozicio pri Velázquez.
"Venuso antaú spegulo"Vd.paĝ.12an.

---

NOTO.- Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aútoroj mem.

---

# ĈE LA SOJLO DE NOVA ETAPO EN EŬROPO

*En la unua artikolo de la pasinta numero de"Boletin" ni priskribis kelkajn el la bazaj ideoj de la nova estraro de HEF por reimpulsi nian Movadon kaj la rezulton de certaj demarŝoj antaŭ ŝtataj instancoj, el kiuj citindas kun pozitiva saldo tiuj de la Prezidanto Alonso ĉe la Ministerio pri Edukado kaj ĉe la Universitato de Santjago.*



*Tiuj paŝoj, kaj aliaj venontaj en sama direkto, farendaj de la lokaj Esperantaj Grupoj, kiel tiuj de la Esperantista Asocio "Ricardo Codorniu" de Murcio, eĉ se necesaj kaj laŭdindaj, evidente ne sufiĉas, se ili ne iras akompanataj de aliaj komplementaj kaj paralelaj en eksterlando, ĉar oni ne povas forgesi, ke la lingvo kiun ni celas starigi kiel universalan, t.e. Esperanto, same koncernas nin kiel la ceterajn popolojn. Jen kial tiom multe gravas niaj internaciaj rilatoj kaj la kunlaborado en komuna plano kun aliaj landoj, kaj speciale en tiu ĉi momento kun la esperantistaj asocioj de la Eŭropa Komunumo. Urĝas tiu kunlaborado. Sed... kial tia urĝo kaj kial unue kun landoj de la E.K.? Jen niaj respondoj al tiuj demandoj, laŭ nia vidpunkto:*

*Ni travivas historiajn transcendajn horojn. En tiu ĉi momento gravaj ŝanĝoj politikaj, kaj sociaj jam okazis en Orient-Eŭropo, kaj aliaj ne malpli gravaj estas tuj okazontaj: falis tiranaj reĝimoj, harhirtigaj nukleaj armiloj restis cencelaj, la ekonomio kaj la politiko de multaj popoloj subite draste ŝanĝiĝis... Tiu politika skuo radikale modifis ĉiujn vivoskemojn de milionoj da homoj de tiuj orient-eŭropaj landoj, kiuj de nun jam devas cerbumi kiel programi sia ĉiutagan vivon: la politikon, la ekonomion, la socian kunvivadon, la liberojn kolektivajn kaj indivi-*

*duajn kaj grandan parton el la propraj aspiroj kiel homoj de moderna socio... En la enigmo de tiu venonta etapo aperas kiel solvenda problemo de la homaro tiu pri lingvo internacia por la interkomprenigô de homoj kaj popoloj.*

*Ne, la situacio ne plu estas la sama kiel hieraû, sed en neniu aspekto, ankaû ne sub lingva vidpunkto. En tiu Eûropo nun emerĝanta, la angla lingvo ne okupas la unuan rangon. Nun estas la germana kiu aperas kiel la plej influhava, kaj ne nur ĉar ĝi estas la lingvo de la plej granda minoritato en Centro-Eûropo, sed ankaû, ĉar situante tute najbare de tiuj landoj kun novaj merkatoj kaj feblaj ekonomioj kun nepra bezono de novaj teknikoj, ĝia influo, la germanlingva influo, baldaû montriĝos nebremsebla.*

*Ĉu tio signifas, ke la aliaj lingvo-potencoj:rusoj, angloj, francoj, ktp. rigardos pasive tiun ascendon de la germana? Absolute ne, tamen oni povas facile dedukti el la cirkonstancoj nun aperantaj antaû ni, ke la angla lingvo perdos iom post iom sian hegemonion kaj de nun komenciĝas la batalo de la lingvo-potencoj por okupi la unuan rangon kiel pontolingvo por la interkomprenigô en Eûropo.*

*Kompreneble, ke estas en tiu ĉi punkto kie ni, esperantistoj, devas multon diri, kaj pli ol diri multon fari. Probable estas unika okazo por atingi tion, por kio niaj antaûuloj kaj ni mem tiom multe batalis dum unu jarcento.*

*La nediskutebla fakto, ke la rekonstruo ekonomia, kaj eble ankaû politika, de la orient-eûropaj landoj kuŝos sub la gvidado aû influo de membroj de la Eûropa Komunumo, ankaû antaû la perspektivo de la anoncitaj ŝanĝoj en ĉi tiuj landoj post 1992, ĉio montras, ke ili havos en venontaj jaroj specialan protagonismon, tial ni konsideras necesa kaj urĝa, ke ni programu strategian planon por nia agado, ankaû en Bruselo mem, la koro de la E.K. por enkonduki Esperanton en ĝiajn instituciojn.*

*Simila vidpunkto puŝas la Prezidanton Alonso vojaĝi al Bruselo la 23an de Majo por kontakti kun aliaj esperantistaj prezidantoj de asocioj de la E.K.. Ni multe esperas de tiuj kontaktoj kaj senpacience atendas la koncernan informon de nia reprezentanto.*

*...Sed tiuj komentoj jam apartenas al la venonta numero de nia gazeto, ĉu ne?*

*La Redakcio.*




*La 30an de Januaro, oni inaŭguris en Dublino (Irlando) la Eŭropan Jaron pri Turismo, unu jaron post la deklaro de tiu ĉi iniciato fare de la Eŭropa Parlamento. La programo kiu intencas diskonigi la Eŭropon havas investon de kvin milionoj da EKU (Eŭropa Konta Unio) tio estas, 650 milionoj da pesetoj.*

*La deklaro de 1990a kiel Eŭropa Jaro pri Turismo rilatas la ideon de komuna turisma politiko, kiu komenciĝis en 1986 por faciligi la turismon ene de Eŭropa Komunaĵo, informi kaj protekti la turistojn, plibonigi la laborkondiĉojn en tiu ĉi sfero kaj kunlabori inter la membro-ŝtatoj.*

*La programo proponas ankaŭ, konsciante ke 62% de la eŭropanoj ferias dum Julio aŭ Aŭgusto, la ŝtupigadon de la libertempo, eviti la amaskoncentradon de personoj en turismaj lokoj, diskonigi aliajn tre belajn malmulte frekventatajn, studi la plej uzatajn transportilojn, kaj konsciante pri la graveco de la nuntempa polucio de kelkaj turismaj zonoj tro amasigitaj, malkovri aliajn vidindajn spacojn.*

*La Eŭropa Parlamento, debatforumo kies parlamentanoj estas elektitaj ekde 1979 per universala baloto en ĉiu lando de la E.K. proponis, deklarante ĉi tiun specifan jaron, "pli grandan konsciencon pri la graveco de sana medio por turismo".*

*La graveco de la Eŭropa Parlamento estas multfoje preterlasita pro la fakto ke ĝi ne faras leĝojn, tamen nuntempe ĝi estas la plej klara demokratia forumo el la Eŭropaj institucioj, konsistanta el 518 deputitoj, elekteblaj ĉiun kvinan jaron, el kiuj sesdek membroj reprezentas Hispanion. Hispanio favoros speciale du grandajn itinerojn: la Sanktan Jakoban kaj la Arĝentan vojojn, la unua el ili deklarita de la Eŭropa Konsilantaro kun sidejo en Estrasburgo, vojo de turisma eŭropa intereso.*

*Ĉu ne estos bona okazo por la esperantistoj atentigi la lokajn, regionajn kaj ŝtatajn instancojn pri la utileco de Esperanto en ĉi tiu kampo? Ni devas esti konsciaj ke Esperanto estas agnoskita kiel kunlaboranto kun la celoj de UNESKO kaj de la Eúropa Konsilantaro, kaj profiti tiun okazon rememorante la agnoskon ĉefe de UNESKO en 1954 lastatempe renovigita en 1985.*

*En la turisma kampo, la tutmonda Konferenco okazinta en Manilo en 1980 deklaris la gravecon de la lingvoscio por la turismo, ĉefe de tiuj lingvoj kun universala celo, kiel Esperanto.*

*Antaúvidante la 1992an kiel grandan spacon sen landlimoj, la Eúropa Jaro pri Turismo kontribuas al la konstruado de Eúropo de la civitanoj, kie la loĝantaro povos vivi, vojaĝi kaj ferii en la plej bonaj kondiĉoj, sentante sin konfortaj ene de la riĉa varieco de kulturoj kaj pejzaĝoj.*

*M.R.Urueña*

---

## VIGLAS LA MOVADO...

Barcelono.- Laste oni prezentis en Barcelona Esperanto-Centro la verkon de Giordano Moya Escayola "Esperanto en prospektivo", la nova libro originale verkita de nia bona amiko Giordano. La ekzempleroj 145 paĝaj kostas po 950 ptojn. Por Libro-Servoj po nur 700 ptojn (minimume kvin).

Jen interesa libro pri homaranismo.

***

Valencio.- La unua kongreso de Valencia Esperanto-Federacio okazis en Benicasim la 28an/29an de Aprilo. La partopreno estis kontentiga kaj la programo sufiĉe interesa. Prelegis pri la historio de la Valencia Esperanto-Movado samideano Juan Antonio Jiménez. Ni komentos pli detale la eventon.

***

Riga.- La Baltia Esperanto-Kongreso (BEK-27) okazos en Jelgava (40 km. sude de Riga) de la 10a ĝis la 19a de Julio 1990. Aliĝoj: Organiza Komitato de BEK-27.p.k. 150.Latvio SU-226050. Sovetio.

***

## VIGLAS LA MOVADO...

Ekstremaduro.- La 8an kaj 9an de la pasinta monato Marto, invitite de la HEF-Delegacio en Ekstremaduro, prelegis hispane pri la temo "Esperanto, estanteco kaj estonteco" D-rino Mª Rafaela Urueña, katedra profesorino pri Internacia Juro en la Universitato de Valladolid kaj eksprezidantino de Hispana Esperanto-Federacio.

La unua el tiuj prelegoj okazis en salono de la Lernejo pri Lingvoj de Cáceres, kadre de Kultura Semajno aranĝita de tiu institucio. Je la fino de la dokumentita prelego de D-rino Urueña, la ĉeestantoj, inter kiuj estis la Direktorino kaj diversaj geprofesoroj de la Lernejo, faris tre interesajn demandojn.

La sekvan tagon, je la 12a, en salono de la Kultura Domo de Badajoz, prelegis pri sama temo D-rino Urueña. Malgraŭ anoncoj en la lokaj ĵurnaloj kaj afiŝoj, diversloke gluitaj, nur tridek personoj ĉeestis la prelegon.

*** *** ***

Fondiĝo de Esperanto-Grupo.- La 7an de la pasinta Februaro fondiĝis la Esperanto-Grupo "Cielarko" en la urbeto Alquerias (Murcia)Prezidas ĝin samideano Francisco Miguel Muñoz Garre. Li mem gvidas E-kursojn al la lernantoj de la 7a kaj 8a nivelo de la Nacia Lernejo "San José de Calasanz" de Alquerias kaj projektas ankaŭ organizi E-kursojn en Alquerias,Los Ramos kaj Beniajan. Tiuj kursoj estos subvenciitaj de la kultura Asocio "Beniram".

Longan vivon al la E-Grupo "Cielarko" kaj gratulon al nia kara kolego Muñoz Garre.

*** *** ***

Seviljo.- "Somera Esperanto-Lernejo"

De la 13a ĝis la 19a de Aŭgusto 1990 okazos en la urbo Seviljo perfektigan E-kurson, speciale elpensitan por gejunuloj kun bazaj scioj de Esperanto.

La organizantoj de tiu Esperanta Semajno de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo faciligos la ĉeeston de eksterurbaj lernantoj ĉe Seviljaj gesamideanoj. Oni programas interesan restadon, ekskursojn, teatron kaj diversajn amuzaĵojn.Interesatoj bonv. skribi: Andaluzia Esperanto Unuiĝo. Poŝtkesto 12209. 41080-SEVILLA. (Hispanio).

*** *** ***



# FORPASIS R. FIOL PAREDES

La Sekretario de "Sevilja Esperanto-Asocio komunikis al tiu ĉi Redaktejo la forpason en la andaluzia ĉefurbo, de samideano Rafael Fiol Paredes la 25an de Februaro 1990. Naskiĝinte la 5an de Aprilo 1891 li estis naúdekokjara, do probable, la plej maljuna esperantisto de nia lando. Eble ankaú la plej malnova, ĉar li esperantistiĝis en la jaro 1910, kaj tuj komencis aktivadi en la Andaluzia Esperantista Movado. Kuracisto, generalo-inspektoro pri Sano, lia profesio devigis lin loĝi en diversaj urboj, tamen neniam perdis sian kontakton kun la Andaluzia E-Movado. En 1917 li estis unu el la kunfondintoj de Andaluzia Esperantista Federacio kaj membro de la unua estraro. En 1918 li partoprenis en la Dua Andaluzia E-Kongreso reprezentante la marokan E-Movadon de Larache, kie li loĝis kaj oficis kiel kuracisto. La 17an de Aprilo 1919 okazis en Seviljo la Tria Andaluzia E-Kongreso en salonoj de la Societo "Amikoj de la Lando", kaj en ĝi, samideano Fiol, kiel delegito de la nordafrikaj esperantistoj viglis kiel unu el la plej aktivaj kaj brilaj partoprenintoj de tiu memorinda kongreso.

En 1933, li estis estrarano unue kaj poste Prezidanto de Sevilja Esperantista Grupo, kaj oni povas senerare certigi, ke li, samideano Fiol, travivis ĉiun plej gravan esperantistan eventon kiu okazis en Seviljo.

En 1970, jam en la aktuala periodo de Hispana Esperanto-Federacio, S-ro Fiol Paredes akorde kun la ankaú eminenta sevilja esperantisto Karlo Martinez, decidis sendi al F-ino Inés Gastón, fondistino de la HEF-Biblioteko siajn respektivajn bibliotekojn: pli ol 300 titolojn, per kies donaco la HEF-Biblioteko atentinde riĉiĝis; ne vane tiuj libroj, grandparte elĉerpitaj, estis eldonitaj en la unuaj jardekoj de tiu ĉi jarcento.

Samideano Rafael Fiol Paredes restas por ĉiam en la memoro de ĉiuj andaluzaj movadanoj, kaj en la historio de la Andaluzia Esperantista Movado kiel unu el ĝiaj figuroj plej elstaraj.

Ke li pace ripozu!

Markus.

# Murcia realizará acuerdos comerciales gracias al esperanto

FINA TAFALLA

El director general de Turismo, Ginés Rosa, que se encuentra en Budapest para asistir a la Feria Internacional de Turismo, en la que participa la región de Murcia, será recibido por la Asociación de Esperanto húngara que está dispuesta a colaborar en fomentar la captación de turistas del Este para que visiten nuestra Región, según manifestó el presidente de la asociación esperantista murciana, José Luis Pérez Ovilo.

En el aspecto empresarial destaca la puesta en contacto de la firma murciana Liwe con la asociación esperantista de la RDA para instalar allí tiendas de ropa, así como el interés mostrado por el presidente de la gestora de Agrulimón para entablar posibles relaciones comerciales con los países del Este, declaró José Luis Pérez Ovilo.

Junto a la asociación húngara, a Rosa le recibirán colaboradores de la misma, como son las agencias de viajes Espress, de Budapest, Esperantotur, Espertur, así como representantes de otros medios, entre ellos, la radio de Budapest, que emite uno de sus programas en esperanto. Estos contactos se establecieron a petición del anterior director general de Turismo, Luis Arróniz.

La asociación esperantista murciana "Ricardo Codorniu", presidida por el doctor Pérez Ovilo, propuso a la anterior dirección general de Turismo la realización de un vídeo de promoción turística de la región de Murcia en la Unión Soviética. La asociación esperantista rusa facilitaría todo tipo de acciones entre Murcia y el conjunto de los países del Este para traer el turismo ruso y escandinavo a la costa murciana. Esta propuesta, fue considerada por la anterior dirección general de Turismo como muy interesente.

Arróniz afirmó que iban a ser traducidos al Esperanto unos folletos turísticos de la Región murciana.

José Luis Pérez Ovilo, neuro-psiquiatra y presidente de la asociación esperantista "Ricardo Codorniu" de Murcia, considera que *"el esperanto es fundamental para realizar intercambios, tanto culturales como económicos con cualquier parte del mundo"*. Pérez Ovilo puso en contacto al jefe de exportación de la firma murciana LIWE con la Asociación Nacional de Esperanto de la República Democrática alemana y dos de sus delegados, uno en Berlín y otro en Maldemburgo, con motivo de la visita que esta empresa realizó a una feria en Colonia, para tramitar la instalación de tiendas en la RDA. Por otra parte, Pérez Ovilo, ha manifestado que el presidente de la gestora de Agrulimón, Francisco Garre, se ha mostrado muy interesado por los posibles contactos comerciales con los países del Este que se pueden entablar mediante las asociaciones esperantistas. Para Pérez Ovilo *"son muchas las ventajas que produce el utilizar las asociaciones esperantistas puesto que existen hablantes en los cinco continentes y en las últimas décadas ha tenido un gran desarrollo en China y Japón"*. Junto a ello, destaca *"el bajo coste que a las empresas, por ejemplo, ocasionaría el utilizar los servicios de las asociaciones esperantistas"*. La asociación de esperanto de Murcia, con el fin de ampliar la máximo este tipo de relaciones comerciales, transmitirá a todas las organizaciones de España el proyecto.

---

## JEN IMITINDA EKZEMPLO

Kun plezuro ni legis pri la speciala aktivado por internaciaj komercaj interŝanĝoj fare de la Esperanta Asocio "Ricardo Codorniu" de Murcio, kiu, antaŭ kelkaj semajnoj fondis kun Esperanta Asocio de Moskvo entreprenon, kies celo estas, per Esperanto promocii ĉian ekonomian kaj komercan rilaton inter la Aŭtonoma Komunumo de Murcio kaj la Orient-Eŭropaj landoj.

La unua decido de la hispanaj aŭtoritatoj(en tiu ĉi kazo de la murciaj) estis, diskonigi Murcion sub turisma vidpunkto en la menciitaj landoj: la Generala Direkcio pri Turismo de Murcio jam preparas video-programon baldaŭ aperontan en la rusa televido. Pri la projekto ankaŭ interesiĝis

Madrid, 15 de marzo de 1990

48/EL MUNDO

**ECONOMIA**

# Acuerdos comerciales con la Unión Soviética mediante el esperanto

**• Creada una sociedad mixta de intercambios entre el Fondo Esperanto de Moscú y el de Murcia**

CARMEN LLORENTE

MADRID.— La organización Fondo Esperanto de Moscú y la Federación de Esperanto de Murcia, Ricardo Codorniu, ha decidido crear una sociedad mixta de intercambios comerciales que, como dato verdaderamente significativo, operará a través del esperanto.

La sociedad facilitará todo tipo de acciones económicas entre Murcia y el conjunto de los países del Este donde existen organizaciones de esperanto.

El primer proyecto, por parte de la organización española, será dar a conocer Murcia a los países del Este de cara a un futuro turismo. La Dirección General de Turismo de Murcia realizará un vídeo sobre Murcia que se emitirá en la televisión rusa.

La organización de esperanto de Murcia está tramitando a la cadena de tiendas de ropa de moda joven, Liwe, que factura 7.000 millones de pesetas al año, la instalación de tiendas en la República Democrática Alemana.

La sociedad mixta dedicará la mayor parte de su negocio a la exportación hortofrutícola a los países del Este, para lo cual ya está estudiando varios proyectos.

El Fondo Esperanto de Moscú se creó en diciembre del año pasado y proyecta abrir una televisión el próximo año. Su objetivo es introducir el esperanto en las vías comerciales, en contra de la imposición del inglés en todo el mundo, como está sucediendo en la mayoría de los negocios y acuerdos internacionales..

La organización de Esperanto de Moscú se puso en contacto con la organización de Murcia a través del viaje que realizó recientemente un conjunto musical de la televisión rusa a España. En Murcia se entrevistaron con un representante de la organización de esperanto murciana, José Luis Pérez Ovido, psiquiatra, quien se encargará de llevar a cabo todos los contactos comerciales.

Con objeto de poder ampliar al máximo este tipo de relaciones comerciales a nivel bilateral, la Asociación de Esperanto de Murcia, transmitirá a todas las organizaciones de España el proyecto, para que todas las ciudades con organizaciones de esperanto lleguen a acuerdos comerciales con los países del Este.

la mondfama firmo "Liwe" (vestoj por gejunuloj) fakturanta nun 7.000 milionojn da pesetoj ĉiujare, kiu pretendas instali plurajn butikojn en diversaj orien-germanaj urboj, ankaŭ pere de Esperanto-societoj.

La Prezidanto de la E-Asocio "Ricardo Codorniu" de Murcio, D-ro José Luis Pérez Ovilo, deklaris, ke la precipa celo de la esperantistoj estas elmontri la utilon de Esperanto kiel lingvoponto por la internaciaj rilatoj, kaj samtempe profiti la ekziston de tiom multaj E-societoj en la Orient-Eŭropaj landoj kaj pere de ili propagandi la agroproduktojn de la murcia bedaro. D-ro Pérez Ovilo celas nun la ĝemeliĝon de Soveta Komunumo kun tiu de Murcio kaj doni al ĝi certajn apriorajn komercajn avantaĝojn por favori ankaŭ la kulturajn interrilatojn de ambaŭ popoloj.

La nacia ĵurnalo "La Mondo" kaj ankaŭ la regiona "La Opinio" publikigis en interesaj artikoloj detalojn pri tiuj projektoj, artikoloj kiujn ni reproduktas ĉi kune kun niaj komentoj.

En aparta letero, nia kolego D-ro Pérez Ovilo, petas al ni disvastigon de la novaĵo kaj rekomendon al la ceteraj hispanaj E-Grupoj por instigi ilin al simila aktivado. HEF jam substrekis en la unua dua bultenoj presitaj en Zaragozo, pri certaj aspektoj praktikaj, kiujn ni, la hispanaj esperantistoj,devos estonte ŝveligi en nia por-Esperanta strebado Nia Prezidanto jam donis la ekzemplon per demarŝoj ĉe oficialaj instancoj, la Universitato kaj tre baldaŭ ĉe la Eŭropaj aŭtoritatoj de Bruselo..

D-ro Pérez Ovilo faris pluajn paŝojn en sama direkto...

Resume, nia penso estas, ke ĉiu el ni, foje kolektive, foje individue, laŭ ebloj, kapabloj kaj inklinoj, uzu Esperanton en la internaciaj rilatoj por ĉia pretendo, ankaŭ kun profitaj celoj: ĉe la oficialaj instancoj, en la Universitato, por komercaj kaj ekonomiaj projektoj, por konstruado, ktp. kaj ankaŭ kiel ĝis nun: por amikaj rilatoj, por kultura kunlaborado, por la paco kaj interfratiĝo de la popoloj... Tiuj indikitaj realaĵoj tute ne signifas, ke ni rezignas pri niaj utopioj.

...ĉar por ĉio estas utila Esperanto!

La Redakcio.

---

## LA 50a HISPANA E-KONGRESO

Lastmomentaj informoj de la Prezidantino de la OKK al tiu ĉi Redaktejo plifirmigas la plej brilajn perspektivojn por nia Jubilea E-Kongreso okazonta Julie 1990 en Sant Cugat del Vallés (Barcelona). La aliĝintoj jam nombras pli ol 150 gesamideanojn, el kiuj kelkaj estas eksterlandanoj: portugaloj, angloj, francoj, bulgaroj, ktp., kio sendube donos internacian etoson al tiu historia evento. Cetere, krom la oficiala apogo promesita de la Urbestraro de Sant Cugat, aliaj institucioj kaj komercaj firmoj ankaŭ certigis sian financan helpon.



Alia grava novaĵo, kiu, evidente riĉigos la kongres-programon estas, la dutaga prelego pri la poezio de Federico Garcia Lorca fare de nia bona amiko kaj kunlaboranto de nia bulteno Miguel Fernández Martin. Niaj legantoj tre bone scias, ke samideano Fernández estas unu el la plej kompetentaj specialistoj pri la poezio kaj verkaro de la universala poeto.

Informoj kaj aliĝoj:
Grupo de Esperanto "Jozefo Anglés"
Apartat 336.- 08190-SANT CUGAT DEL VALLES (Barcelona) Hispanio.

# EKSTERORDINARA EKSPOZICIO PRI VELAZQUEZ



Antaŭ kelkaj tagoj finiĝis la ekspozicio pri pentraĵoj de Velázquez organizita de la Muzeo "El Prado" en Madrido. Vizitis ĝin pli ol 370.000 personoj,kiuj en longaj vicoj devis atendi ĝis sep horojn ĉe la pordoj de la Muzeo, kies salonoj, plenplenaj, -ne suficis por enhavi tiom da vizitantoj. La atendantoj suferis, tre ofte, la rigoron de malagrabla klimato. La ekspozicio prezentis 90% el la verkoj de Velázquez, kaj speciale venis viziti ĝin homoj el la tuta mondo.

Grandparte la pentraĵoj apartenas al Muzeo "El Prado" mem,sed kelkaj venis el diversaj eksterlandaj Muzeoj, kiel tiu sur la kovrilo de tiu ĉi "Boletin": "Venuso antaŭ spegulo",veninta el la National Gallery de Londono.

Simila ekspozicio pri pentraĵoj de Velázquez jam okazis en Norda Ameriko dum la pasinta aŭtuno, organizita de la Metropolitan-Muzeo de Nov-Jorko. Tiuokaze, Muzeo "El Prado" sendis al la organizantoj 17 el la plej gravaj pentraĵoj de Velázquez, malavareco kiun ne reciprokis la nordamerikanoj, kiuj nur sendis parton de sia havaĵo, parton minimuman.

Negativaj aspektoj de tiu ĉi ekspozicio estis la nesufiĉaj klarigoj pri la pentraĵoj venintaj el eksterlando, precipe por la ekonomie modestaj personoj, ĉar la belega katalogo pretigita de la organizantoj kostis 3.500 ptojn (oni vendis pli ol 200.000). Negativa ankaŭ estis por maljunuloj la longaj vicoj kaj deviga atendado, ĉar ili ne povis staradi dum tiom da horoj. Malgraŭ tio, la ekspozicio pri pentraĵoj de Velázquez estis vera sukceso, ĉar obligis al artoamantoj kaj studemuloj de la verkaro de la granda pentristo, studi, kompari, profundigi en tre ampleksa kolekto aspektojn malfacile percepteblajn se ili ne estas samloke. La lasta ekspozicio pri Velázquez en Hispanio, okazis antaŭ 30 jaroj, ankaŭ en Madrido. Tiam, la pentraĵoj venintaj el eksterlando estis ekspoziciitaj en "Casón del

*(Al paĝ. 15ª)*

# OPINIOJ PRI LA VERKO "ESPERANTO EN PROSPEKTIVO"

S-ro Román Dobrzynski, Vicprezidanto de UEA.-

Mi konsideras ĝin eminenta verko. Giordano Moya sukcesis ligi nian ideon kun la ĉefaj problemoj de la nuntempa mondo, li donas al Esperanto novan dimension kaj malfermas novan perspektivon al nia movado. Por mi Esperanto estas "la lingvo kun interna ideo".

D-rino Mª Rafaela Urueña, eksprezidantino de HEF.-

Jen antaŭ ni verkon kiu alportas al la esperantistoj novan freŝan aeron kaj ĉefe motivon por pripensi pri nia interna ideo, ofte forgesata de la esperantistaro mem.

Jam kiel bazon, la aútoro montras la Zamenhofan ideologion laŭ la historia malvolvo eĉ la Deklaracion de Homarano, por ke ni povu plej bone kompreni la senton de Zamenhof kaj la reagojn kontraŭ tiu ideo ekde la komenco de Esperanto fare de kelkaj eĉ elstaraj esperantistoj tiutempaj.

Tamen ni vidas, ke jam en 1908, H.Holder kiel reprezentanto de la junularo, akceptis Esperanton kun ĝia interna ideo kaj ne nur kiel lingvon. Sed kiajn praktikajn konkludojn ni povas eltiri el la nuna verko de S-ro Moya post la Centjariĝo de Esperanto?

Certe ni deziras oficialigi Esperanton kiel neútralan lingvon (per UEA kaj per la esperantistaro ĝenerale) kaj ni ricevas la kontraŭajn, plej ofte kaŝitajn reagojn de la ŝtatoj, kiuj timas pri sia suvereneco kaj lingva potenco, kaj restas surdaj al nia alvoko.

Cu ni esperantistoj ne prihavas ian kulpon? Cu por ni, tre ofte, Esperanto ne signifas nur ideon tre belan por "interna lingvo" parolata de ni mem en niaj kongresoj kaj kunvenoj? Kial ni ne prezentas Esperanton kiel pacisman lingvon, necesan en la nuna tempo por la homaro, kiam oni parolas tiom pri "pacifismo"?

En nia civilizacio materia, ni volas gardi por ni mem la idealismon de Esperanto, estante certe skeptikaj pri aliaj.

S-ro Moya diras, ke "idealismo de Esperanto estas certe atingebla per tiu ĝenerala opinio kaj konscio fariĝintaj tutmondaj"... "la argumentoj por konvinki pri la neceso de tiu idealismo estas okulfrape imponaj nuntempe". Certe ni troviĝas inter tiuj pasivaj idealismaj personoj kiuj ne estas sufiĉe agantaj. Pro tio la Movado stagnas.

Cu estas malnove kaj nemode paroli kiel Zamenhof pri "intergenta lingvo? Ni ĉiam parolas pri internacia lingvo, tamen la intergenta sento estas multe pli ampleksa ol la ideo pri nacio aŭ ŝtato. Tion mi bone komprenas kiel fakulo pri Internacia Juro. Jam hispanaj teologoj kaj filozofoj de la 16a jarcento, kiel Vitoria, antaŭvidis tion kaj ili ĉiam parolis pri "Intergenta Juro" por la tuta homaro.

Do, post la legado de la verko "Esperanto en prospektivo", certe ni, esperantistoj, ne nur scios multe el nia historio mem, sed ĝi estos motivo por pensi pri nia estonta agado, kiu kondukos al la neforgeso de la interna ideo kaj al la disvastiĝo de Esperanto kiel pacifisma neŭtrala lingvo.

Fine, bone presita kaj alloga laŭ la okulfrapa koverto, la verko montriĝas tre taŭga por ke ĝin legu la internacia esperantistaro, kion ni devas danki ne nur al la aŭtoro mem, sed ankaŭ al la eldonisto, "Barcelona Esperanto-Centro.

S-ro Itô Kanzi, Japanio.- Mi bone ricevis belan ekzempleron de la grava verko "Esperanto en prospektivo" kaj elkore vin dankas. La temo de la libro estis tiel alloga por mi, ke mi ĝin legis en unu tiro.

Kvankam mi ne estas tiel optimisma por kredi, ke la esperantistoj unuvoĉe akceptos la valorajn mesaĝojn entenatajn en tiu verko, tamen mi elkore deziras al la libro, plenan sukceson, kiun ĝi ja meritas.

S-ro Dietrich M.Weidmann, komitatano A de UEA. Via libro estas bombo!! Ni ĝin nepre eksplodigu. Jam de longe mia opinio estis, ke la animo,dank'al kiu Esperanto vivas, estas la "interna ideo".

En mia licencilaboro en la Universitato, mi plurfoje parolas pri tiu ĉi fakto. Via libro estas jam de longe necesa kaj grava laboro kaj mi esperas ke ĝi tradukiĝu en plej eble multajn naciajn lingvojn. Se vi konsentas, mi mem pretus germanigi vian libron.

S-ro Jesus A. Castillo, Prezidanto de Kuba Esperanto-Asocio.-

Ege ĝojigis min via valorega donaco "Esperanto en prospektivo", kiun mi avide tralegos spite al la streĉa laboro, kiu sufokas min pro la preparoj de la 75a UK. Ciel mi ŝtelos tempon por ĝui vian verkon, ĉar la priskribo de ĝia enhavo vekis mian intereson.

S-ro Petro Chralo, Ceka Esperanto-Asocio.- Kun granda intereso mi trafoliumis kaj parte tralegis la libron de G. Moya "Esperanto en prospektivo",kiu certe valoras profundan tralegon kaj pripenson, kaj por kiu ege mi dankas vin.

S-ro Amador Diaz, Prezidanto de Esperanto Asocio de Britujo.-

Dankon pro la ĵus ricevita libro "Esperanto en prospektivo". Mi legos ĝin kaj sendos al vi mian opinion, laŭ via peto. Post rapida trarigardo mi opinias, ke estas libro kiun ni povos vendi en la oficejo de E-AB en Londono; do mi petas provizu al ni pere de mi aŭ rekte al Londono la vendoprezon de la libro al revendistoj.

S-ro V.Hernández Llusera, redaktoro de la organo de KAE.-

La verko de G.M., objektive studas la Esperantismon, kaj speciale ĝian internan ideon, kiu estis kaj plu devus esti la precipa motoro de nia stre-

bado humaneca kaj pacisma, celanta fratecan kunvivadon kaj reciprokan respekton inter la diversaj popoloj en la tuta mondo.

Mi, do, estas konvinkita, ke la libro "Esperanto en prospektivo", multe helpos konigi la humanismajn kvalitojn de nia Majstro, kiu per sia genia Esperanto celis, jam de sia juneco, unuigi la homaron en "unu grandan rondon familian".

(Opinioj kolektitaj de Barcelona E-Centro)

---

EKSPOZICIO PRI VELAZQUEZ (Venas el paĝo 12ª)

Buen Retiro"; oni dekoraciis la salonojn per mebloj, tapiŝoj kaj armiloj de la epoko, kaj kun la pentraĵoj de Velázquez oni povis vidi tiujn de liaj antaŭuloj kaj majstroj: Herrera "la maljunulo", Pacheco, El Greco, kaj aliaj; kaj ankaŭ pentraĵojn de la lernantoj: Zurbarán, Alonso Cano, Mazo, k.a.

Verki pri Velázquez kaj lia arto ne estas celo de tiu ĉi kroniko, kiu ĝuste nur deziras informi niajn legantojn pri la ekspozicio, precipe la eksterlandanojn. Ni nur menciu la opinion de erudiciulo pri arto, kiu asertis, ke li, Velázquez, estis la unua pentristo rompanta la desegnon kaj majstre kunfandanta lumon kaj formon...

Kaj Ortega y Gasset, unu el la plej eminentaj el niaj intelektuloj aldonis: "Velázquez nuancas per fantoma karaktero la estantan realon kaj altigas al rango de superega arto "la imiton de la naturo".

Velázquez estas sendube unu el la gigantoj de la pentrarto!

La Redakcio.

---

## DEZIRAS KORESPONDADI

26-jara finna librotenisto dez.kor. pri ĉiuj temoj kun pli ol kvin hispanaj geesperantistoj.Adreso: SEPPO PIETILAINEN, Joukahaisentie 3, F-34-. SF-06150 Porvoo.Finlandia.

43-jara kubano,nova esperantisto, dez.kor. kun hispanaj geesperantistoj pri ĉiuj temoj. Interesatoj skribu:José Luis Montes de Oca; calle José M.Sanchez, 70. Santo Domingo. Villa Clara. Kubo-53000.

# NORMOJ DE REDAKCIA POLITIKO KAJ ETIKO

Redaktanto-perfidanto.-

Estas diraĵo en la itala lingvo, kiu tekstas jene: Traduttore-traditore (tradukanto-perfidanto). Nu, oni ja povas alivortigi ĝin per la esprimo redattore-traditore(redaktanto-perfidanto). Ofte okazas, ke redaktoroj de periodaĵoj modifas partojn de la teksto de publikigotaj manuskriptoj. La kutima kialo estas, ke la lingvo-uzo en la koncerna periodaĵoj devas esti unuforma. Malofte redaktoroj pridiskutas tiajn ŝanĝojn kun la aútoroj, kaj ili preskaú neniam pravigas la anstataúigon surbaze de konsekvencaj principoj. Ankoraú unu mistraktado de verkoj fare de tro zelotaj redakcianoj, estas la lardado de la teksto per propraj komentoj kaj aldonaĵoj, kiuj ne estas signitaj per la mallongigo "ndlr" (noto de la redaktoro) La rezulto estas, ke legantoj ne kapablas diferencigi la originalajn partojn de la verko disde la altruditaj asertoj kaj nocioj de la redaktoro.



Neniu verkisto povas toleri tiuspecan manipuladon de sia verko, sed se ĝi trafas en la manojn de senrespondeca, neetika redaktoro, ĉiu protesto estas vana.

Redakcia arbitreco.-

Manke de normoj de redakcia politiko kaj etiko, iu ajn povas modifi manuskriptajn tekstojn, foje kun antaúa averto kaj diskuto, foje sen iu ajn interkonsento kun aútoroj. Kiu ne petas permeson fari ŝanĝojn, agas ne nur arbitre sed ankaú malĝentile! Redaktoroj, kiuj praktikas tiun unuflankan redaktadon povas damaĝi la reputacion de aútoro. Se aperas en la publikigita verko vortformoj montrantaj diferencojn kompare kun tiuj registritaj en vortaroj -ekzemple arkaikiĝon, nekutiman literadon aú deflankiĝon de evolutendencoj en Esperanto- oni ne povas scii, ĉu tiuj lingvaj trajtoj venas el la plumo de la verkinto aú ĉu ili rezultas el kaprico aú eĉ obsedo de la redaktoro.

Etika kodo por redakcia politiko.-

Mi ne scias, ĉu iam estis farita listo da gvidlinioj aú reguloj por la redaktado de Esperantaj libroj kaj periodaĵoj. Sajnas al mi, ke

klara priskribo de la devoj kaj respondecoj de aŭtoroj kaj redaktoroj estas bezonata por eviti malagrablaĵojn. Car nun ekzistas fakorganizaĵo -Esperantlingva Verkista Asocio (EVA)- kies membroj konsistas el aŭtoroj, eldonantoj kaj redaktoroj, estas konsilinde, ke ĝi okupiĝu pri la formulado de etika kodo por redaktado. Gis tiu demando estos prezentita al EVA, mi deziras ĉi-sube provizore prezenti kelkajn proponojn por tiu kodo, kiu eventuale povos fariĝi akceptita normo en la tuta Esperantujo.

Tri variaĵoj de redakcia politiko.-

Ekzistas tri eblaj procedoj, kiujn redakcio povas sekvi por prepari por publikigo.

1) Oni permesas al ĉiu aŭtoro uzi la lingvon laŭ sia bontrovo, kaj la respondeco ĉiam restas ĉe la verkinto. Eble la sola limigo estu kontraŭ lingvouzo, kiu estas ortografie, semantike aŭ gramatike erara, sed redaktoro devas objektive demonstri tion. Ĉi-kuntekste estas necese diferencigi gramatikaĵojn disde stilaj apartaĵoj. Tiu ĉi sinteno donas la plej ampleksan liberon al la aŭtoro rilate ĉiujn aspektojn de lingvouzo.

2) Ĉe la antipoda poluso, oni devigas konformiĝon ĉiurilate kaj senescepte al principoj starigitaj de la redakcio, por ke estu atingita en la publikigaĵo absoluta unuformeco inter la verkoj de diversaj aŭtoroj.

3) Kadre de klare formulitaj redakciaj reguloj aŭ principoj, oni permesas al aŭtoroj liberon rilate la lingvouzon kondiĉe, ke ili povas motivi siajn elektojn per aliaj egale aŭ eĉ pli konvinkaj principoj. Ŝajnas, ke la redakcioj de la plejmulto da Esperantaj publikigaĵoj pli-malpli samopinias. La granda merito de tiu fleksebla sinteno estas, ke ĝi evitas sufokon aŭ paralizon de vivanta, daŭre evoluanta lingvo. Se okazas konflikto inter la redakciaj normoj kaj la persona uzo de iu aŭtoro, ĉiam estas eble prezenti klarigojn kaj pravigojn ambaŭflanke en la formo de piednotoj, en glosaro kun ampleksaj komentoj, aŭ en apendico aldonita al la koncerna verko. Tiu ĉi procedo estas evidente la plej demokrata.

Listo de uzeblaj principoj.-

La principoj en la sekva listo estas nek universale aplikeblaj, nek devigaj por ĉiu kazo, ĉar ofte estas necese allasi esceptojn, se eble, konforme al alia principo. La celo estas krei plejeble harmonian sistemon sen kriaĉantaj kontraŭdiroj. La vicordo de la principoj ne indikas ilian relativan gravecon, ĉar estas malfacile objektive mezuri tion.

1) Zamenhofa uzado.
2) Longdaŭra uzado fare de aliaj esperantistoj, laikoj kaj fakuloj.
3) Registrado en vortaroj, glosaroj, fakterminaroj ktp.
4) Apogo de elstaraj esperantologoj.
5) Oficialigo fare de la Akademio de Esperanto.

6) Maksimuma internacieco de vortformoj kaj signifoj.
7) Analogio kun aliaj vortoj en Esperanto, havantaj similan etimologion aŭ parencan signifon, por eviti malsimetriojn.
8) Evito de homonimoj, paronimoj kaj ankaŭ kalkeoj (paŭsaĵoj).
9) Elekto de literado havanta facile prononceblajn sonojn kaj songrupojn.
10)Elekto de radikoj, kies formo ebligas facilan kaj senliman pluformadon.
11)Prefero al formado de terminoj surbaze de morfemoj jam ekzistantaj en la lingvo por eviti nenecesajn neologismojn.
12)Prefero al polisemio kondiĉe, ke ne povas okazi miskompreno aŭ ambigueco.
13)Kombino de grafismo kaj fonetismo, por ke vortoj estu rekoneblaj skribe kaj parole.
14)Evito de inventitaj kaj arbitre formitaj esperantismoj.
15)Limigita asimilado de nur la plej ofte kaj bone konataj nomoj de lokoj kaj personoj.

Kompreneble, oni povas aldoni pli da principoj al tiu ĉi listo.

La limoj de redakcia respondeco.-

Ĝis kiu limo povas redaktanto enkonduki ŝanĝojn en verkon? Pro manko de spaco en periodaĵo, kelkfoje estas necese mallongigi tro ampleksan tekston, sed tiu procedo koncernas nur ellason de partoj, kutime indikitan per interkrampa tripunkto. Se la redaktoro aldonas al vortoj aŭ frazoj en la teksto apartan emfazon, klarigon aŭ komenton, li devas averti legantojn pri tio per enkrampa rimarko aŭ per piednoto.Sed neniu redaktoro havas la rajton reverki tekston, krom se la aŭtoro petas tiun helpon kaj donas eksplicitan permeson. Fine, se redaktoro pro iu kialo ne estas tute kontenta pri verko, li ja rajtas rifuzi ĝin en sia periodaĵo. Li, do, resendu ĝin al la aŭtoro kun klarigo. Se li inklinas publikigi ĝin nur post modifado aŭ reverkado fare de la aŭtoro, li akordiĝu kun tiu ĉi, por ke poste ne okazu miskomprenoj. La ideala maniero atingi senkonfliktan interkonsenton estas sendi al aŭtoro kopion de la kompostita teksto, por ke li vidu, kiel lia verko aspektos en publikigota formo, kaj por ke li samtempe korektu tiun presprovaĵon.

Bernard Golden

---

## KATALOGO DE LIBRO - SERVO DE HEF

Antaŭ ne longe, Libro-Servo de HEF (Apartado 119;47080-VALLADOLID) sendis al la kutimaj klientoj la novan Libro-katalogon kun la listo,laŭ temoj kaj alfabete ordigita, de ĉio kio estas mendebla ĉe tiu servo de HEF. Se vi deziras ricevi la katalogon,mendu ĝin per simpla p.k.al nia adreso.

# ENKETO PRI KONGRESOJ

Dum la lasta hispana kongreso okazinta en Bilbao, oni disdonis al la kongresanoj enketilojn por scii kion ili pensas pri la organizado de hispanaj kongresoj. Kvankam multaj el ili ne plenumis la enketilon, ni povas konsideri la plenumitajn sufiĉe fideblaj laŭ la opinio de, almenaŭ, tiuj kiuj partoprenis tiun kongreson.

Oni analizis entute 50 enketilojn, kio estas 25% de la ĉeestantoj.El la ciferoj de la konsulto oni povas facile dedukti jenajn konkludojn:

a) La lingva nivelo estas sufiĉe alta, ĉar nur 26% opinias ke ili parolas malbone aŭ tute neniom Esperanton. Sed ĉi tio povas okazi ĉar la kongresanoj kiuj ne parolas E-on ĝenerale rifuzis plenigi la enketilon.

b) Pri la aĝo, oni povas konstati, ke 76% de la respondoj venas de kongresanoj pli ol 50-jaraj (60% el la tuto superas 60 jarojn). Nur 10% estas malpli ol 30 jaraj, kio faras ke la alta meza aĝo de la kongresanaro "forpelas" la junularon, ĉar la junuloj ne vidas la etoson "juneca". Ne malmankas maljunuloj; sendube la kongresojn almenaŭ lastatempe, oni organizas pensante preskaŭ nur pri maljunuloj (ekskursoj, bankedoj, pasivaj amuzaĵoj,ktp.), sed malmultajn aranĝojn aktivajn oni faras laŭ la plaĉo de la junularo.



c) Pri la sekso, 78% de la kongresanaro kiu respondis estas viroj. Mankas virinoj, ĉeje junaj. Tamen, laŭ la kongreslibroj de la lastaj kongresoj, la aliĝo de virinoj, en procentoj, estas: Vigo 1986: 48%; Madrid 1987: 43%; Valencia 1988: 42%; Bilbao 1989: 40%.
Kion tio signifas? Eble, ke la hispanaj kongresoj, iom post iom, interesas malpli la virinojn ol la junulojn.

C) La kultura nivelo de la respondintoj estas ne tro alta, kio ankaŭ malhelpas la kulturan nivelon de la kongreso kaj de la aranĝoj. Laŭ konstato dum la lasta kongreso, altnivelaj programeroj (prelegoj, debatoj, kunvenoj, ktp.) estas ĝenerale malplenaj. Ankaŭ la ne alta nivelo de la kongreso faras, ke multaj aktivaj esperantistoj ne partoprenu, kaj ke ili iru nur semajnfine partopreni la Generalan Asembleon, kelkajn debatojn kaj kunsidojn

kaj dum la plejparto de la kongreso nur restas maljunuloj kaj personoj kiuj ne parolas Esperanton.

d) Pri la daŭro de la kongreso, 70% de la respondintoj opinias, ke ĝi devas daŭri inter 4 kaj 5 tagojn.

e) La plej konvena dato por okazigi la kongreson estas, por 44%: Julio; 20% opinias, ke ĝi devus okazi dum Sankta Semajno.

f) Aliaj citindaj opinioj estas:

-La plejparto de la kongresaj programeroj devas okazi en Esperanto.

-La kongreskotizoj devas resti similaj.

-La kongreso devas okazi ĉiam en malsama urbo.

-Kelkaj samideanoj sugestas, ekzemple, ke la kongreso devus okazi en malgrandaj urboj; ke oni devus pritrakti en ili aktualajn problemojn;kelkaj demandas akuratecon en la programeroj; ke la tuta kongresprogramo okazu en ununura loko; ke oni faciligu la ĉeeston de la gejunuloj (ĉefe ekonomie). Iu samideano proponis, ke la kongreso okazu ĉiun duan jaron. Alia proponis, iom logike, ke la kongreskotizoj estu pli aŭ malpli altaj laŭ la persona rento (salajro, pagitaj impostoj, k.t.p.)

Mi ne deziras pli longe analizi la aferon. Ci tie ĉiu samideano povas fari siajn proprajn konkludojn ĉar la enketo ne celis ja alion.

Aŭgusto.

---

## DEZIRAS KORESPONDADI...

18-jara studento pri matematiko-fiziko dez.kor. pri filozofio, literaturo, muziko,ktp. kun junaj gehispanoj. Bonv. skribi: Salga Peter; TARNAORS 3294; Deak F. ut. 15. Hungario

*** *** ***

Pola 22-jara studento dez.kor. pri turismo, sporto, muziko, ktp. Skribu: Jarek Wyrozebski;Urocza 1/29;11-400.KETRZYN.Pol.

*** *** ***

25-jara kudristino dez.kor. kun knaboj aŭ knabinoj. Skribu: S-ino. Hajnalka Hajnal;6200 KISKOROS;Arpad u. 5. Hungario.

*** *** ***

19-jara vartistino dez.kor. kun hispana knabo pri div.temoj: F-ino. Eich Orsolya;1131 BUDAPEST;Thälmann u. 26/g v.em.227 Hungario.

*** *** ***



## BELAĴOJ EL HISPANIO

*La Turo el Oro, en Seviljo.-*

*Historia bela turo de Seviljo konstruita dum la regado almohada (1). Oni komencis konstrui ĝin en 1220/21 kaj oni nomis ĝin "el Oro" ĉar ĝi aperis ekstere kovrita de orumitaj azuleñoj, kiuj donis al ĝi brilan aspekton vere okulfrapan.*

*La turo estis parto de fortikaĵo de la alkazaro kaj servis kiel bastiono por la defendo de la riverhaveno. La "Turo el Oro" estas dekduangulforma, kun centra kolono aperanta supre laŭ formo de tureto, kiu donas al ĝi aspekton tute originalan, kaj la interna spaco kovriĝas per eĝvolboj. Oni ne povas imagi la sorĉan urbon Seviljo sen la profiloj de tiu magia historia turo, dum jarcentoj kokete sin rigardanta sur la trankvila akvo de rivero Gvadalkiviro.*

*A.M.B.*

*****

(1) Almohado:(el la araba, al-Muwahhid, la unuiganto) Berbera dinastio reginta la okcidentan islamon (1147-1269) kaj deveninta de Muhammad ibn Tumart, predikanto de religiaj rigoraj doktrinoj kontraŭmalaĥiaj. Ilia enveno en al-Andalus (Iberio) koincidas, preskaŭ, kun la indikitaj datoj, ĝuste kiam ili estis pli potencaj.

# LIBRO - SERVO DE HISPANA E. FEDERACIO

## Bilanco de Enspezoj-Elspezoj dum 1989.

### Enspezoj.

| | Pesetoj. | Pesetoj. |
|---|---|---|
| Antaŭa Saldo.................. | | 57.572,- |
| Vendado de libroj............. | 1.236.693,- | |
| Interesoj konto Poŝta Kaso.... | 26,- | |
| Aliaj enspezoj................ | 1.130,- | |
| Jar-Enspezoj............... | | 1.237.849,- |
| Generalaj Enspezoj......... | | 1.295.421.- |

### Elspezoj.

| | | |
|---|---|---|
| Aĉetado de libroj.................. | 874.788.- | |
| Poŝto (poŝtmarkoj,presaĵoj O.I.C.) | 33.460,- | |
| Transporto de libroj.............. | 20.532,- | |
| Materialo por oficejo............. | 18.410,- | |
| Bankaj elspezoj...... | 21.000,- | |
| Fino partopago hispanlingva Inf... | 133.180,- | |
| Doganaj elspezoj.................. | 3.300,- | |
| Riparado skribmaŝino.............. | 3.000,- | |
| Por eldonado de "Boletin"......... | 35.000,- | |
| Diversaj elspezoj................. | 19.220,- | |
| Jar-Elspezoj............... | | 1.161.890,- |
| Saldo nova konto........... | | 133.531,- |
| Generalaj Elspezoj......... | | 1.295.421,- |

Valladolid, 31 Decembro 1989ª
La Libro-Servanto

Luis Hernández

Konforma
La Prezidanto de HEF

Antonio Alonso

# *Lirikaj Paĝoj*

## PETAR ANASTASOV
### Balado

En la vitkampo, kiam oni lin mortigis
sub la ombro de Dionizo... (1)
elfluadis dolĉe lia sango
inter la gleboj, en la abismon.
Pendadis super frunto de l'aŭtuno
la grandaj, pezaj, vitberaroj
kaj la tuta univers' disfalis
en la stelimpetan okulparon.

En la vitkampo, kiam oni lin mortigis...
kiel malrapide, ve! la tempo pasis
kaj kiel la kampgardist' kuradis
freneze kun la fusil' al la vilaĝo.
Forflugis malproksimen la birdaro,
la serpentoj en la vepron sin enŝovis
kaj nur la polvokovritaj skaraboj
iradis malrapide sur la vojo.

En la vitkampo, kiam oni lin mortigis
la tuta kosmo lin ĉirkaŭbrakis,
kaj nenio alia povis efiki
ĉar tuta amas' da bestecaj policanoj
tintadis dum la seka posttagmezo
kvazaŭ ili estus skaraboj fiaj
timeme marŝantaj en ĉirkaŭo lia



En la vitkampo, kiam oni lin mortigis...
dolĉe lia sango sin elverŝis,
kaj en la seka posttagmez' la suno
sur la horizonto sin dissternis.
Pendis super la frunto de l'aŭtuno
grandaj, pezaj vitbergrapoloj
kaj la tempo sur la vojoj diversaj
al la libereco direktis la popolojn.

*Trad. el la bulgara*
*N. R. NEJKOV*

(1) Dionizo = Dio de la fekundeco

# GERARDO DIEGO (1896-1987)

*Katedra profesoro pri Literaturo, akademiano de la Hispana Lingvo, granda poeto apartenanta al la nomata "generacio de 27" kaj konsiderata kiel la estetikisto de tiu grupo de poetoj, pro sia konstanta serĉado de novaj poeziaj formoj. En 1925 li ricevis la Literaturan Nacian Premion pro sia verko "Humanaj Versoj", kaj poste, laŭlonge de sia vivo, multajn aliajn premiojn: "Ciudad de Barcelona", Larragoiti", "Cervantes", k.a.*

*Li speciale profundiĝis en tri tendencojn de la Poezio: la tradicia, la kreisma kaj la absolute libera, kaj en ĉiu el ili li montris sian talenton kaj delikatan sentivecon. Inter liaj priamaj verkoj elstaras "Surprizo" kaj "Izola Amo", kaj inter la primuzikaj "Nokturnoj de Chopin", "Preludoj" kaj "Ario al Gabriel Faure".*
*Jen peco de unu el liaj poemoj, plena de muzikaj resonoj:*

*"Nokturno XIIª.-*

*Soviĝas la nokto*
*kun mildeco plaĉa.*
*La blankaj lilioj*
*kun neĝa tuniko,*
*naivas liriko*
*kaj la luno palas...*

*Sian mutan kanton*
*la steloj lulkantas,*
*la pejzaĝo revas*
*en la brum' dormanta.*

*Kiel ĉi kvietas!*
*Kiel sorĉe pacas!*
*La mildaj kadencoj*
*de lulkanto rava,*
*izolaj rumoroj*
*silentojn sulkantaj*
*tremigis l' arbaron;*
*la briz' susuradas*
*kaj ĉe l' rojo ĉarma*
*preĝe ŝaŭmoj kantas.*



*Nur du gejunuloj,*
*ŝi -blonda, li -forta,*
*ĝuis la plezuron*
*sur la val' silenta*
*de la nokto-lumo,*
*rura nokt' revanta...*

*Gerardo Diego tre simpatiis al Esperanto, kaj plaĉe akceptis personan viziton de nia Esperanto-akademiano Fernando de Diego, tradukinto de kelkaj el liaj poemoj, el kiuj citindas: "La cipreso de Siloj" kaj "Romanco pri la rivero Duero".*

*Gerardo Diego estas unu el la plej gravaj lirikistoj nuntempaj.*

*Antonio Marco Botella*

---

*KASIDO PRI LA BRANĈOJ.* *F.Garcia Lorca.*

*Tra la arbaretoj de Tamarit'*
*plumbaj hundoj alvenis el foro*
*por atendi, ĝis falos la branĉoj,*
*por atendi, ĝis tiuj sin derompos.*

*En Tamarit' pomarbo staras*
*kun pomo el ĝemoj kaj el ploroj.*
*Jen najtingal' estingas la suspirojn,*
*jen fazan' ilin pelas tra la polvo.*

*Sed, aliflanke, l' branĉoj gajas,*
*similas vere al la homoj,*
*ne pensas pri la pluv' kaj ĵus ekdormis,*
*kvazaŭ ludante, sume, arbo-rolon.*

*Sidantaj, kun la akvo ĝisgenue,*
*du valoj atendadis l' aŭtun-voĉon,*
*dum puŝadis kun paŝo elefanta*
*kaj la branĉojn kaj l'trunkojn duonombro.*

*Tra la arbaretoj de Tamarit'*
*svarmas infana vualita opo*
*por atendi, ĝis falos miaj branĉoj,*
*por atendi, ĝis tiuj sin derompos.*

*(El la kolekto "Divan'de Tamarit'") Trad.M.Fernández*

